# Hispana Esperanto GAZETO

*Eis aqui se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça alli da Europa toda.*
*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas». Kanto IIIa, XVII.)
CAMOENS

**4a jaro Septembro 1934 N-ro 40**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
SAGASTA, 10. - MADRID (HISPANUJO)
APARTADO DE CORREOS 1.089

## ATENTU

**Sendu ĉiam viajn korespondaĵojn al APARTADO DE CORREOS N.° 1.089, MADRID. Gazetoj faru same po DU EKZEMPLEROJ.**

**Enviad toda clase de correspondencia al Apartado dicho anteriormente.**

Tipografia CHULILLA Y ANGEL
Torrecilla del Leal, 17
Teléfono 71926



# ACTA 50.ª DE LA JUNTA CENTRAL EJECUTIVA DE H. E. A.

En Madrid, a las 19 horas del día 23 de julio de 1934, se reunió en el domicilio de la Asociación (Sagasta, 10), con asistencia de los miembros expresados al margen, la Junta Central Ejecutiva con carácter extraordinario, ya que la Junta ordinaria de agosto no podrá celebrarse por encontrarse muchos directivos fuera de Madrid.

Se acordó que nuestro presidente asista al XXVI Congreso Internacional en representación de H. E. A., y se cambiaron impresiones acerca de su actuación en Estocolmo, a fin de recabar que el Congreso próximo se celebre en Madrid.

Se acordó que al XIV Congreso de S. A. T., que se celebrará en Valencia, vaya, con carácter puramente neutral, un representante oficial de H. E. A., en vista de que estos samideanos (correspondiendo a la ayuda prestada por nuestra Asociación) han nombrado *Membro-Gastoj* al presidente Sr. Mangada y al vicesecretario D. Jacinto Martín, y dada la importancia del Congreso. Fué designado como representante el vicesecretario Sr. Martín, pues su imparcialidad es garantía para nuestra Asociación, y se le conceden ciento cincuenta pesetas para gastos de representación.

En vista del extraordinario trabajo que ha recaído en estos últimos meses en la Secretaría, se acordó gratificar al escribiente, Sr. Medialdea, con cien pesetas.

Todos los acuerdos se tomaron por unanimidad.

Se lee una carta en la que el ministro de Instrucción Pública comunica a nuestro presidente que, tan pronto como reciba los informes pedidos al efecto, se complacerá en resolver favorablemente la petición hecha por H. E. A. de enviar una representación oficial al Congreso de Estocolmo.

Se recibió y se dió lectura de un telegrama del vocal regional D. Javier Marauri en el que se adhería a lo que se acordase sobre nombramiento de representantes para los dos Congresos Internacionales de Esperanto.

No habiendo más asuntos pendientes se levantó la sesión.

El secretario, *Fernando Redondo*.—V.º B.º: El presidente, *Julio Mangada*.

Asistieron: el presidente, el tesorero D. Julián Sosa (que llevaba la representación del vicepresidente D. José Perogordo), el vicetesorero D. Fernando Molina, la bibliotecaria Srta. Visitación Martín, los vocales D. José Artigas y D. Carlos de San Antonio, el vicesecretario D. Jacinto Martín y el secretario.

# ASAMBLEA DE DELEGADOS DE H. E. A. EN MADRID

Con objeto de tomar acuerdos sobre diversos asuntos importantes, se reunirá en los días 24 y 25 de noviembre próximo, en Madrid, una Asamblea de delegados de H. E. A. Los asuntos a tratar son los siguientes:

1.° Presentación de las Memorias de los trabajos realizados durante el año último, y de la labor desarrollada.

2.° Cuenta de las gestiones efectuadas para celebrar en Madrid el XXVII Congreso Internacional (el de 1935).

3.° Informe relativo al Congreso Internacional de Estocolmo y de la protesta presentada ante él por nuestro presidente.

4.° Elección de presidente, tesorero y vicesecretario, cuyos cargos deben renovarse o reelegirse, puesto que cumplen ahora dos años en su cometido los que actualmente los desempeñan.

5.° Examen y discusión acerca de la situación de H. E. A. respecto a los demás núcleos esperantistas del territorio español.

Con objeto de facilitar el viaje y la estancia de dos días en Madrid a los samideanos que han de asistir a la Asamblea como delegados, oportunamente se fijará la indemnización que han de percibir. Los esperantistas de cada región comunicarán los nombres de los respectivos delegados que designen.

Madrid, 31 de agosto de 1934.

---

# PRI LA VENONTA KONGRESO

La XXVII^a Internacia Kongreso ne okazos en Hispanujo, malgraŭ niaj klopodoj kaj esperoj, bazitaj inter aliaj rezonoj sur la bona impreso kaŭzita al S-ro. Kreuz la vizito al nia ĉefurbo. Kompreneble S-ro. Mangada (kiu havis pri ĝio instrukciojn de la Centra Direktanta Komitato de H. E. A.), protestis en Stockholmo de tia decido.

Jen la protesto (laŭ plano decidita en kunveno de la Centra Direktanta Komitato kaj sen kontraŭstaro de iu ajn), farita dum kunveno de la Komitato de U. E. A. en Stockholmo, kaj prezentita skribe ankaŭ por enpresigo en al oficiala raporto:

«S-ro. Mangada, je la nomo de la Hispana Esperanto Asocio, protestas kontraŭ la malnova kaj maltaŭga krom maljusta procedo de la Centra Komitato:

Ie. Ĉar ĝi atentis peticiojn pri kongreso de Asocioj ankoraŭ ne

firme starigitaj en iliaj respektivaj landoj, kiuj ankoraŭ ne pagis aŭ pagis intertempe kotizon al tutmonda organizo; kaj male, ne atentis sinsekvajn peticiojn de la tute bone funkcianta Hispana Esperanto Asocio same ĉe la lando, kiel ĉe la tutmonda organizo, paganta ĝustatempe ĝiajn ĉiujarajn kotizojn al la tutmonda organizo de la esperantitsoj, de la dato de la fondiĝo;

IIe. Ĉar ĝi atentis la informojn tendencajn de «*fuŝantoj*» (laŭ esprimparolo de S-ro. Kreuz dum la kunveno hieraŭa) *hispanaj*, kaj malatentis la seriozan agadon de Hispana Esperanto Asocio, konstatatan de S-ro. Kreuz per lia vojaĝo tra Hispanio dank' al la oficiala posicio, kiun trafis per sia agado Hispana Esperanto Asocio.

Mi volas, ke, konsciinte pri la propono de S-ro. Petit, okazigi venontan jaron (je 1935) Konferencon pri Turismo en Madrido, oni permesu al mi esplori ĉe al Nacia Patronato de Turismo kaj ĉe la Sindikato de Iniciatoj por Turismo de Madrid, de kiu H. E. A. estas membro, por konscii pri la ebleco ĝin organizi.

Fine, ke H. E. A. nepre deziras organizi la Kongreson de U. E. A. por 1938 en Madrid.»

La vortoj de S-ro. Kreuz klare diras pri la laboro farita de kelkaj *hispanaj* esperantistoj kontraŭ la laboro de H. E. A. por organizi universalan Kongreson; la samideanoj opiniu kaj juĝu tian konduton.

---

## INFORMO PRI LA XIV^a^ KONGRESO DE S. A. T. EN VALENCIO

Estas notinde la granda intereso, kiun tiu kongreso vekigis en ĉiuj klasoj sociaj de Valencio, dank' al la zorga intensa propagando farita de la Organiza Kongresa Komitato, kiel pruvas la multenombraj anoncoj fiksitaj sur la domanguloj de la bela mediteranea urbo (kiel en Madrido); la belaspektaj programoj disdonitaj; la plano de la urbo, esperante eldonita de la Loka Patronato pri Turismo, kaj la dumkongresaj festoj; ĉio tio impresis agrable la kongresanojn.

La 4an sabate okazis en la Festa Halo de la Urbodomo la oficiala akcepto de la kongresanoj. La urbestro salutis ilin per varmaj sentemaj frazoj; ankaŭ paroladis la prezidanto de O. K. K. kaj ia urba konsilanto, esperantisto, advokato D. Vicente Marzal. Vespere, en la ejo de «Centre d'Evolució Valencianista», avenuo Nicolás Salmerón, 13, la poeto Jaume Grau paroladis elokvente pri *Hispana Antologio*, kiun li verkas, kaj legis iajn versaĵojn kiuj estas fidelaj kaj belaj tradukoj (laŭ la ritmo kaj la rimo) de *La Vida es Sueño*, *La*

*Niña de Gómez Arias y Son mis Amores Reales*, kaj la publiko tre aplaŭdis.

La 5an dimanĉe oni malkovris marmoran tabulon por nomiĝo de D-ro. Zamenhof al ia strato de la urbo. Ĉeestis multaj aŭtoritatoj kaj la urba muzikistaro. La prezidanto de O. K. K., k-do. Luis Hernández, paroladis esperante por rimarkigi la gravecon de tiu ak'o, kaj tion, kio necesa estas por la laboristaro la lernado de Esperanto. Ankaŭ paroladis la esperantista urba konsilanto.

La laborkunsidoj estis tute laŭ la programo. La incidento de la inaŭgura kunsido, pri kiu parolis la gazetaro ne estis tiel grava kiel oni publikigis, kaj estis kaŭzata de iuj nekongresanoj. Nia k-do. Francisko Azorín prezidis la unuan tre prol:teman laborkunsidon. Li ankaŭ paroladis en la Popola Domo la 2an ĵaŭde.

Ĉeestis 372 kongresanoj, el la 432 aliĝintoj; el Hispanujo ĉeestis 156, el 168 aliĝintoj. Ankaŭ venis kongresanoj el Francujo, Nederlando, Germanujo, Anglujo, Svisujo, k. c., eĉ el Svedujo, rimarkinda fakto ĉar la plejmulto el la kongresanoj apartenis al la laborista klaso.

Kiel oficiala delegito de H. E. A. por la kongreso, mi plezure asertas ke ĝi estis granda sukceso por la esperantismo de Valencio kaj ĉefe por la O. K. K.

JACINTO MARTIN

## H. E. A. NE NUR FARAS PREDIKON ANKAŬ ĜI JA DONAS TRITIKON

Ni reatentigas la samideanaron, kiu apartenas al H. E. A., ke pro la nuntempaj cirkonstancoj kaŭze de la nova tutmonda organizaĵo sur la bazo de U. E. A., la plej regula funkciado de ĉi tiu organizaĵo postulas konsekvence ankaŭ saman funkciadon de nia enlanda Asocio; tia postulo nepre altrudas la plej fruan kaj kompletan enspezon de la ĉiujaraj kotizoj de la enlanda Asocio, kiu tuj devas transdoni al U. E. A. la kotizaron devigan. Por ĉi tiu plej bona funkciado de ĉiuj vidpunktoj estas konvene, ke la heaanoj persistadu konstantaj membroj de H. E. A. por samtempe persistadi konstantaj membroj de U. E. A.; tial ni insistas stimuli ĉiujn per konsiloj kaj per faktoj liverontaj utilon. Same ni atentigas la hispanajn samideanojn, kiuj apartenis iam al H. E. A. aŭ ankoraŭ ne estis ĝiaj membroj, fariĝi tiaj, MEMBROJ de H. E. A. por la plej bona celo al la AFERO, samtempe por ke ĉiuj profitu la avantaĝojn liveratajn de H. E. A.,

kiu permesas aŭ konsentas *tutan lokan regionan eĉ profesian liberecon*, por ariĝi aŭ subariĝi tute aŭtonome ĉe la esperanta kampo. Ni parolas, ni konsilas, ni petas, de la vidpunkto sole esperanta kaj sole neŭtrala, flanken lesante ĉiajn personajn vidpunktojn, ĉar personoj malaperas, la AFERO PURE ESPERANTA RESTADAS.

Hispana Esperanto Asocio de la fondo en nunan tempon efektivigis spite de ĉio laboron, kiun oni ne povas nei, kiu estas evidenta: ĉiujare pagis sian kotizon al tutmonda organizaĵo; ĝi interesis pli kaj pli la ĝeneralan publikon kaj precipe la Ministerion de Publika Instruado (atinginte la oficialan subvencion post konstatado de la laboro dank' al inspektado dum la unuaj jaroj pro la decido de la Ministerio; prezentado de raporto pri la laboro farita, de plano por la laboro farota, de la kalkuloj kaj de la materialo eldonita, de post la lasta jaro, kiam fine speciala inspektoro, laŭ ordono de la ministro, inspektis la Asocion, kiel elpruvas la atestoj en la libro por ĉi afero), la Nacian Patronaron por Turismo, aliajn aŭtoritatulojn kaj instituciojn, ĵus la ministron por Internaj Aferoj, kiu donis al la Asocio 2.500 pesetojn kaj konsentis, ke la Asocio en rilatoj kun la Ĝenerala Direkcio de la Polico aranĝu laŭ konvene por eksperimenta kurso al gvardistoj kaj policanoj; pli kaj pli interesadas ĝi la nacian geinstruistaron, por kio multe helpis kaj helpadas la Pedagogia Fako de la Ateneo de Madrid, kiu malfermis gravan debaton pri Esperanto (pri kiu vi jam sciis), eldoninte raporton pri la afero, kiun la Fako abunde disdonis en la instruistajn rondojn. Tre gravan influon naskis la vojaĝo al Kolnjo de 11 geinstruistoj, kies raportoj pri la vojaĝo kaj akiritaj spertoj kaŭzis en la Ministerion grandan impreson kaj miron pro la rezultato atingita per nur 5.000 pesetoj por helpi la gevojaĝintojn, kaj ĉi tiu impreso kaj miro faciligis la vojon de la Asocio por daŭrigi la planon al plej grava eksperimenta vojaĝo de geinstruistoj, infanoj kaj aŭtoritatulo, al Universala Kongreso en Stockholm, kaj ni trafis impresi la ministron, S-ron. Pareja Yébenes, prezentante al li peticion dokumentitan kaj planon, kiun li konsciis bonaj, sed bedaŭrinde ĉi tiu sinjoro forlasis la ministerian postenon, kaj la malfirma politika situacio kun sinsekvaj ministroj malsukcesigis nian laboron kvankam la semo promesas ankoraŭ bonan estontan frukton. Ĝustatempe H. E. A. interesis la unuan Parlamenton de la Hispana Respubliko, ĉar ĝi sendis al ĉiu parlamentano la presitan paroladon de S-ro. Mangada pri Esperanto kaj ekzempleron de «¿Qué es el Esperanto?»

De proksimume du jaroj kaj duono en nun, de la vidpunkto eldonista, same evidenta estas la granda sukceso de H. E. A., ĉar ĝi eldonis: 24.000 «¿Qué es el Esperanto?», la plej kompletan kaj utilan samtempe koncizan lernolibron el ĉiuj ĝis nun aperintaj en la

mondo; 3.000 «Santander», kiu trafis grandegan kaj gravegan sukceson de la Asocio ĉe la rondo de la Nacia Patronaro por Turismo, ĉar ĉi tiu konvinkiĝis tutplene pri la graveco kaj disvastigo de Esperanto, pro kio la Patronaro liveris al Asocio 3.000-kilometran fervojbileton de I[a] klaso por ke S-ro. Robert Kreuz travojaĝu Hispanujon kaj akiru spertojn pri ebla estonta Universala Kongreso en Madrido; pro kio la sama Patronaro, dank' al informo de la Asocio, disponis 500 peestojn por la Laborista Grupo de Valencio, kiel helpon por la organizado de la Kongreso de S. A. T.; pro kio la Patronaro, dank' al peto de la Asocio, decidis sin anonci per la IV[a] paĝo de la Jarlibro de U. E. A., donante 250 pesetojn por tio kaj 25 pesetojn pliajn por helpo al U. E. A., kaj certe la anonco kaj helpo persistados ĉiam. 1.000 «Mia Poezio», 1.000 «La kreitaj profitoj», 1.000 «Terminologio de la Arkitekturo», 2.000 siajn Regularojn; ĝi ekeldonis la ampleksigitan «Helpanta Temaro por Lernigi Rapide Esperanton en Ĉiuj Landoj», 3.000 ekzemplerojn; aliajn 3.000 ekzemplerojn de la gravega verko «Provo pri Idearo».

Hispana Esperanto-Asocio fiksis malaltan prezon kun aliaj kondiĉoj pri pago de la kotizo al si por liveri senpage al pagintoj la librojn «Mia Poezio» kaj «La kreitaj profitoj» la BES-a Adresaron, kiun ĵus ĝi disdonis, kiam la eldonisto sendis la ekzemplerojn de la 12[a] eldono, de la lasta eldono; H. E. A. senpage disdonis, kajeron post kajero, la «Terminologion de la Arkitekturo»; H. E. A. senpage disdonis la du unuajn kajerojn de la «Helpanta Temaro»; H. E. A. senpage liveras la paĝojn de la grava verko «Provo pri Idearo», kies eldonon celas akceli. H. E. A. aligas en la kategorio de *simpla membro* al U. E. A. ĉiujn siajn membrojn; tial, ĉiel, H. E. A. liveras rimarkindajn senpagajn avantaĝojn al siaj membroj, kiuj nur per pago da DU PESETOJ ĈIUJARE havigas al si la avantaĝojn, konservante sian tutan liberecon por subariĝi laŭ kompleta memvolo kaj por agadi esperante tute libere.

Sed ankoraŭ pli: ĵus la aŭtoro de la poemaro «Amelia kaj Marina» donacis al H. E. A. la tutan eldonon sub tre favoraj kondiĉoj, kiuj havigos al la Asocio post kelke da tempo kapitalon por eldoni aliajn librojn liverotajn preskaŭ preskoste al ĝiaj membroj, kiuj per DU pesetoj povos akiri la verkon. Ĉi tiu verko kun la aliaj donacitaj de la sama aŭtoro donos tiun kapitaleton, kiu estos bazo por eldonado konstanta.

Fine, atentu bone; la nuna tutmonda esper-organizaĵo postulas kiel eble plej fruan pagon de kotizoj por regula kaj bona funkciado, ĉi tiu dependas ankaŭ de la regula kaj ankaŭ bona funkciado de la enkasigo de kotizoj al H. E. A.; pro tio ĉi, la heaanoj devas konscii

klare la aferon kaj sin decidi por plenumi la planon, kiun H. E. A., por stimuli ĉiujn, proponas, kaj kiu liveros ankaŭ profitdonajn avantaĝojn: ĉar H. E. A. tuj eldonos la ceterajn kajerojn de la «Helpanta Temaro», la heaanaro povos profiti ĉi tiun lernolibron por la tuja kurso, havigante al si la ceterajn kajerojn sub la jenaj kondiĉoj liverontaj plie aliajn profitojn: ĉiu membro de H. E. A. pagos la kotizon al H. E. A. por 1935 (DU PESETOJN) krom UNU PESETO kaj KVINDEK CENTIMOJ por ricevi la kajerojn de la «Helpanta Temaro» kompletontajn la verkon kaj ĝustatempe ekzempleron de la 13ª eldono de la BES-a Adresaro por 1935. *Novaj membroj*, sendinte la TRI PESETOJN KVINDEK centimojn kun aliaj KVINDEK centimoj pro la unua kotizo, rajtos same, sed ne rajtos ricevi la du unuajn kajerojn de la verko, ĉar tiam ili estus samrajtaj kiel la malnovaj membroj, kaj pro tio, por havigi al si la du unuajn kajerojn kaj kompleti tiel la verkon, ili devos pagi ankaŭ aliajn *du pesetojn*, ĉiam tamen havante rimarkindan profiton. La pagon oni faros antaŭ la DEKKVINA DE LA TUJA NOVEMBRO. Se ĉiuj samideanoj bone konscius la planon kaj pagus, tuj ni sendus la monon kaj liston el heaanoj al la eldonisto de la BES-a Adresaro, inĝeniero L. Berger (Potŝtejn - Ĉeĥoslovakujo), helpante la laboron de ĉi tiu samideano, kiu ne laciĝas spite de ĉiaj baroj daŭrigi sian gravan entreprenon, kaj lin helpante ni helpus nin mem, ĉar tiamaniere ni havigus al ni kiel eble plej kompletan membroliston samtempe utilan: proksimume 230 heaanoj certe ĵus ricevis tiun ĉi Adresaron, ĉar iam ili plenumis similajn kondiĉojn je tiuj esprimitaj, ili certe konscios bone la planon, kaj dezirinde estas, ke ĉiuj hispanaj samideanoj, ĉu membroj de H. E. A., ĉu ne apartenantaj al ĉi tiu, pripensadu pri ĉio dirita kaj tute senpartie juĝu ĉu H. E. A. faris laboron, ĉu H. E. A. estas atentinda, ĉu samideano nur esperantisto devas aliĝi al H. E. A. kaj tiel havigi al si utilon, neniel malhelpantan lian kompletan liberecon por agi laŭ propra memvolo.

Ĉar eble iuj argumentos dirante, ke ni faris la laboron dank' al subvencio de la ŝtato, oni devas konstati, ke efektive grandan parton el la laboro H. E. A. faris dank' al la subvencioj; sed, kial ni trafis la subvencion? Pro nia organizo, pro nia funkciado, pro nia farita laboro inspektita, kiuj havigis al H. E. A. la nunan staton, kvankam iuj asertis ke H. E. A. «odoris kvazaŭ kadavro»; kiuj eĉ mirigis la ministrojn de Publika Intstuado kaj aliajn aŭtoritatulojn kaj Instituciojn. Tial la samideanoj estu konvinkitaj, ke H. E. A. daŭrigos sian vojon same, kiel ĝis nun, celante la sukceson de nia ĉefa celo kaj la plej grandan utilon al sia membraro kaj al esperantismo.

# SOBRE VERSIFICACION

El eminente poeta Martínez de la Rosa resumió en la siguiente composición las condiciones de la buena versificación:

Todo verso en sí propio llevar debe
*su compás, sus reposos, su cadencia:*
y ya grave, ya leve,
en fácil giro, lento o presuroso,
aspire, artificioso,
a imitar con su número y acentos
los varios movimientos,
ora rápido y vivo
al ciervo fugitivo,
ora acompañe lento y sosegado
al tardo buey con el fecundo arado.
Mas del divino coro el dulce canto
no a la varia cadencia debe sólo
su celestial encanto:
en conciertos suaves
muestra con arte unidos
los diversos sonidos
ya agudos y ya graves.
Y con dulce, suavísima *armonía*,
hechizando el oído blandamente,
cautiva el corazón, rinde la mente.
Al músico y cantor no cede el vate
en estudiar con ansia noche y día
el mágico poder de la armonía:
que una voz, una sílaba, un acento,
si ingrato suena en importuno sitio,
desluce el más gallardo pensamiento.

* * *

# PRI VERSFARADO

La eminenta poeto Martínez de la Rosa donis per la jena versaĵo la kvazaŭ leĝojn por la bona versfarado:

Ĉiu verso en si mem ja devas teni
*siajn takton, kaj paŭzojn eĉ kadencon:*
ĉiel eĉ ankaŭ peni

per esprimo facila, malrapida
aŭ jam male, decida
por imiti laŭ nombro kaj akcentoj
movojn ĉiam de l' sentoj:
kiel la cerv', avida
de la liber', rapida;
aŭ jam, kiel per malrapida movo
fruktodonan plugilon trenas bovo.
Sed ĉiela la ĉarmo tre plezura
de la kanto de l' dia ĥoro venas
ne de l' kadenco nura:
montras kun mildohavo
sonojn diversajn, sperte
kvazaŭ koncertojn, certe
ĉiajn, kun art' kaj ravo.
*Kaj per dolĉa, dolĉega, harmonio,*
al la aŭdo donante sorĉkompenson
ĝojigante la koron, ravas menson.
Komponist' kaj kantant' ne pli ol bardo
jam dum nokto kaj tag' avide studas
artan povon magian, li konkludas:
sola voĉo, silabo aŭ akcento,
malagrable sonante ja ĉe loko,
fuŝas penson plej belan de l' atento.

*Esperantigis:* JULIO MANGADA ROSENÖRN

---

## LA KORBO

La vagonaro alportanta gravajn vunditojn eniris en stacion. Pordo de unu el la departamentoj malfermiĝis, kaj mi vidis du flegistojn, kiuj zorge malsuprenigis granddimensian korbon. Mi alproksimiĝis por vidi ĝian enhavon, kaj restis terurigate. En la korbo estis viro al kiu brakojn kaj krurojn oni amputis.

Tremante pro kortuŝo mi momente rigardis tiun ĉi viron, aŭ bone dirite, tiun ĉi trunkon sub kapo.

Li aspektis esti tridekjara, havis belan hele blondan barbon, kaj grandajn bluajn okulojn. Sur sia brusto li portis militan medalon.

La flegistoj metis la korbon sur tero, preskaŭ apud mi, por malsuprenigi aliajn vunditojn.

Post kelkminuta rigardado, mi balbutante demandis al la nekonatulo:

—Ĉu vi estas ordenumita, sinjoro?... Ĉu mi povus, ne maldiskrete, demandi al vi... pro kia heroaĵo vi trafis tiun ĉi rubandeton? Kion vi faris?

—Kion mi faris?—murmuris la viro plendvoĉe—. Ĉu vi deziras scii kion mi faris?

Per tremanta voĉo li daŭrigis:

—Mi faris tion, kion mi ne refaros, kion mi neniam plu povos fari... Kion mi faris?... Tio, kio gravas por mi nun, sinjoro, estas ĝuste tio, kion mi jam ne faros, kion mi ne plu povos fari. Mia Dio!... Komprenu, sinjoro, ke mi ne plu povos min vesti aŭ senvestigi sola, manĝi sola, aŭ trinki, aŭ fumi. Mi ne povos plu alproksimigi al mia nazo rozon aŭ dianton por flari ĝian odoron. Neniam mi povos akompani ĝis la ŝtuparo amikon kiu venos viziti min, kaj povi tiamaniere plilongigi iomete nian koran interparoladon.

Dum la tre longaj horoj de mia neaktiva vivado, mi ne povos eĉ legi, ne, sinjoro, mi ankaŭ ne povos legi, tial, ke por legi estas necese turni librofoliojn, kaj por fari tion oni bezonas brakon, manon, fingron, kaj mi jam ne havas brakon, nek manon, ne restas al mi fingroj... Mi mem ne povos plu skribi leteron. Leterojn mi devos dikti. Miaj plej intimaj sentoj, miaj plej sekretaj pensoj estos konataj de tiu ĉi nepra konfidato antaŭ ol de persono al kiu mi ilin dediĉos. Mi ankaŭ, sinjoro, promenis iajn somerajn noktojn... (dum pasinta somero ankoraŭ). Mi promenis en arbaro, sur riverbordo... mi promenis, ĉu vi komprenas? Mi pro-me-nis per miaj du kruroj apud virino kiun mi amis, kaj kies talion mi ĉirkaŭpremis per unu el miaj du brakoj... Neniam plu mi povos promeni... neniam plu mi povos brakpremi virinon, nek fari kareson... Neniam plu mi povos kisi, ĉar por kisi estas necese altiri al si, alproksimigi al si, estas necese brakĉirkaŭi du ŝultrojn aŭ teni kapon milde, delikate, kvazaŭ rompebla objekto.

Mi ankaŭ ne povos plu, sinjoro—kaj li videble penadis por daŭrigi—, mi ankaŭ ne povos plu... elfinigi teruran turmenton kiu de nun fariĝas mia vivado... mi veneni min mem, aŭ pendigi min, aŭ ĵeti min sub marŝanta vagonaro...

Varmaj larmoj fluis sur lia vizaĝo. Mi estis tuj elpoŝiganta mian naztukon por ilin viŝi. Ĉu li divenus mian intencon? Meze de lia sufero, lia voĉo volis fariĝi ironia, kaj li prononcis jenajn lastajn vortojn, kiujn plorsingulto haltigadis:

—Mi estis diranta... sinjoro, tion, kion mi neniam plu... povos

fari... Vi ja vidas nun... kion mi ankaŭ ne povos fari... kio estas al mi neeble fari... viŝi... min mem... miajn larmojn.

... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ...

Reveninte hejmen, ne malŝparante momenton, mi redaktis tiun ĉi skribaĵon per tremanta mano. Destino ne permesu, ke tago alvenu en kiu mi, neŭrastenia, kredu esti devigata plendi pri vivado, pri mia vivado.

*Tradukis el hispana lingvo:*

VISITACIÓN MARTIN

# LA VIPERO KAJ LA NIZO

Vipero dormadas plenbanata de la suno. Nizo vidas ĝin; tuj la nizo sin direktas en ĝin, flugilbatas ĝin por ĝin kvazaŭ senkonsciigi; la nizo frakasas ĝian kranion, kaj ĝin kunportas pendanta de sia beko.

Apud la ŝtonego, kie la vipero dormadis, patro rigardas atenteme filon, kaj stariĝante, per akuta plenintenca voĉo, sin turnas al la filo, tiel dirante:

—Havu viglan ĝustan senton pri la justeco. Ke ĉi tiu estu la granda celo de via vivo, de la vivo kiun mi donis al vi, karega filo de mia animo. Sed kiam vi vidos avaremulon en mortbatalon kontraŭ ĵurfuŝanto, friponon kontraŭ troŝparemulo, uzanton de la registara povo neleĝa eĉ malleĝa kontraŭ simila persono, ekspluatanton de la publika stato kontraŭ sama ekspluatanto, ne pensu ke iliaj bataladoj koncernas la justecon de unu aŭ de alia flanko. Faru je tiuj okazoj same, kiel ĵus ni faris: restu indiferenta, vidu, ke ili mortigu unu la alian!

La nizo flugadas alten kun la vipero pendanta de sia beko; malalproksimiĝas pli kaj pli la nizo, jam la du malamikoj estas nur unu sola punkto ĉe la spaco.

*Hispane verkis:* TOMÁS MEABE

## ANEKDOTO

—Avino! Ĉu vere ke oni devas respekti la blankajn harojn?

—Jes, mia infano.

—Do, kial vi tinkturas ilin?

# GRAVEGAJ PENSOJ

De la milito devenas la paco; de la paco, la abundeco; de la abundeco, la senokupeco; de ĉi tiu, la malvirto; kaj de la malvirto, la milito.

* * *

Ne konsciu, ke estas humileco silenti kiam superregas la malbono, rifuzante defendi la bonon. Forkuru el tia humileco, kiu, per memforlaso pri la devo, fariĝas malsaĝeco.

* * *

La reĝoj ĉiam ŝatas la perfidon, sed ili malamas la perfidulon.

* * *

La naturo duobligis preskaŭ ĉiujn organojn de la sentoj. Sed ne tiun de la buŝo, por eviti doni al homo pli ol unu langon, ĉar se li, per unu venigas al si mem tiom da malbonaĵoj, kio okazus per du?

* * *

La reĝoj uzas la homojn kiel oranĝojn; elĉerpinte la sukon, ili forĵetas planken ilin.

* * *

La scivolemo estas malsano propra de la virinoj; ili ne ĝin havas pro malsaneco, sed kiel esencan emon por distri la vivon.

FRANCISCO DE QUEVEDO
(*Hispane verkis*)

---

# ENLANDA KRONIKO

*Logroño.*—La tieaj samideanoj baldaŭ starigos novan grupon, kies ejo estos en la Ateneo Riojano, kiu helpas ilin.

*Zaragoza.*—Ni ricevis novajn foliojn de propagando eldonitajn de la tieaj samideanoj, kiuj senĉese laboras por la triumfo de nia lingvo. Oni klarigas kursojn en «Frateco» (Roda, 14-16, pral.), Esperanta Laborista Grupo (Plaza San Carlos, 3, pral. derecha), Socialista

Esperanta Grupo (Estébanez, 2, pral. izquierda), Ateneo Popular de Hernán Cortés (Virtud, 4), Ateneo Racionalista de Torrero (Camino Alcachoferas, 109), Zaragoza Esperantista (Heroísmo, 49, bajo), k. c.

*Bilbao.*—La 21an de aŭgusto, je la 8ª vespere, okazis en la Grupo Esperantista de Bilbao (Iturribide, 6) tre agrabla kunveno, en kiu disertis pri Esperanto F-ino. Steva Bulkova, el Ĉeĥoslovakujo; S-ro. W. Kuznecor, el Rusio, kaj S-ro. Paul von Prabucki, el Polujo, kiuj estis tre gratulataj de la multenombra ĉeestantaro. Tiu Grupo ankaŭ aranĝis tre interesan kaj agrablan ekskurson al Loredo.

## EKSTERLANDA KRONIKO

— En Brazilio 82 gazetoj en 75 urboj konsentis aperigi kurson de Esperanto.

— La Foiro de Marseille (Francujo), okazonta de la 15ª ĝis la 30ª de la nuna septembro, uzos Esperanton.

— Esperantista Centra Oficejo (11, rue de Sèvres, Paris, VIe) proponas la vendon de la verkoj de Kabe *La Faraono* (tri volumoj), *La Interrompita Kanto* kaj *La Fundo de l' Mizero*, kies tuta prezo kun afranko estas 49'70 frankoj, por *dudek ses* frankoj, afrankite, kaj la vendon de la verkoj de nia Majstro *Marta, La Rabistoj, La Revizoro, Ifigenio en Taurido, La Rabeno de Bakarah* kaj *Georgo Dandin*, kies tuta prezo kun afranko estas 56,80 frankoj, por *tridek tri* ankaŭ afrankite. Oni povas mendi senpagan katalogon. Sendube niaj samideanoj profitos tiun okazon por riĉigi sian bibliotekon.

## ——o—— BIBLIOGRAFIO ——o——

*La Juna Vivo.*—Nova gazeto publikigata en Nederlando. Adreso West-Graftdijk (N. H.). Dusemajna organo por la junularo. Unua numero publikigita la 1an de julio, 12-paĝa, 24 × 15'5. Dua numero (15an de julio), 26-paĝa. Ĝi enhavas spritajn rakontojn (iujn kun bil-doj), tre taŭgaj por lernantoj.

*Fundamento de Esperanto de Zamenhof.*—350-paĝa, 13'5 × 17, bindita, kun ujo. Plej kompleta studo pri Fundamento de Esperanto kaj la unua eldono de tiu verko en japana lingvo. Aldono: du in-deksoj, prigramatika kaj privorta; bibliografio esperantista kaj deklaracio

pri esperantismo (japan-lingve). Prezo, 7 svisaj frankoj, afrankite. Eldonita de Hakubinkon, Tokio.

*Esperanto por komencantoj.*—226-paĝa, 19'5 × 17, ankaŭ bindita, kun ujo. Aminda bela memlernolibro por tiuj japanoj, kiuj ne scipovas latinajn literojn, kun ilustraĵoj. Aldono: du indeksoj, prigramatika kaj privorta, kaj biografio por esperanto-instruantoj (japanlingve). Prezo, 4 sv. fr. afrankite. Eldonita de Nippon-Soten, Tokio.

*Skizo de Esperanto.*—126-paĝa, 18 × 10. Prezo, 1,50 sv. fr. afrankite. Eldonita de Ŝoobundoo. Tokio.

La aŭtoro de tiuj tri libroj estas S-ro. Yoshi H. Ishiguro, kompilinto de la *Moderna Vortaro Esperanto-Japana* kun ĉirkaŭ 20.000 vortis (eldonita de Taijoodo, Tokio, 1933), kaj aŭtoro de *Praktika Gvido de Korespondo en Esperanto* (eldonita de Bunri-Soin, Tokio, 1933), kiujn ni recenzis sur la junia numero.

Ĉiuj tiuj libroj estas havindaj eĉ de nejapanoj, kiel propagandilo. Ili estas haveblaj ĉe Kokusaigo-kenkjuŝo, Daita-II, 784, Satagya. Tokio. Oni akceptas mendojn per internaciaj respond-kuponoj.

---

## IO EL ĈIO

### ANONCO

Heaano petas al ni al publikigon de jena anonco:

«Mi havas ĉiuspecajn metrojn: metalajn, lignajn, rubandajn, ruĝajn, verdajn, k. c. Eĉ mi havas metrojn tiajn ke *duonmetro* estas *duono* aŭ *kvarono* de duono de metro. Bonvolu sendi la korespondadon al «Apartado de Correos n.° 1089» (adreso de HISPANA ESPERANTO-GAZETO).»

Ni komplezas nian samideanon, sed ni demandas: kiaspecaj estas tiuj metroj?

* * *

### NE ESTAS DUBOJ

Kelkaj legantoj de nia gazeto plendas pro la malfacileco de niaj problemoj. Ili diras: «foje ni dubas pri la ĝustan postulon de la problemo.» Sekve nia redaktoro-problemisto verkis la jenan hieroglifon pri kies solvo, laŭ li diras, ne estas duboj:

cĉd, cĉd, ff, gĝgĝ, hĥhĥ, jĵjĵ, klmn, klmn, prst, prst, ŭvz, ŭvz, ŝŝ.

(*La solvoj, sur la venonta numero.*)

* * *

## SOLVOJ DE LA ANTAŬA NUMERO

*Problemo kun ses solvoj.*—Estas necese enmeti unu korbon (kun unu aŭ tri oranĝoj) en alian. Se ni skribas inter kvadrataj parentezoj la nombron de oranĝoj de tri korboj, kaj inter kurbaj parentezoj tiun de la kvara, jen la ses solvoj:

[5] [7] [(1) 8] » [5] [7] [(3) 6]
[5] [(1) 6] [9] » [5] [(3) 4] [9]
[(1) 4] [7] [9] » [(3) 2] [7] [9]

*Strangaj filoj.* — Pafilo, profilo, duonfilo, deilefilo, spermofilo, mirmekofilo, sakfajfilo, kariofilo, duonfilo, geofilo, bofilo.

* * *

## AVIZO

HEA-ano! Ĉu vi volas ricevi la BEAa-Adresaron la venontan jaron, kun via nomo, pere de H. E. A.? Sendu tuj al nia kasisto D. Julián Sosa, Strato Gonzalo de Córdoba, 22, Madrid, la aliĝkotizon, t. e. 1'50 pesetojn, ĉar la eldonanto kondiĉas 500 aliĝojn minimume, al H. E. A., por fari la rabaton.

* * *

## IMPORTANTE

Los 236 ejemplares recibidos del BESa-Adresaro, se han enviado a los 236 HEAanos que antes de fin de septiembre de 1932 pagaron su cuota para tal objeto. Sirva esto de contestación para todos los que nos piden ejemplares de dicha obra.